# IREJO - Bulteno

**Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo**

N-ro : 9 Junio - Julio 1995 Ĥordad - Tir 1374

IREJO

IREJO

4an IREJO renkontiĝo

19.05.1374
/
10.08.1995

Jara Ĉefkunveno

IREJO

IREJO

## Adresoj

# IRĚJO - Bulteno

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo
□Redaktoro : M.Reza Torabi □Helpredaktorino : Fáriba Nuri Máĝd □Korektisto : Hámze Ŝafii □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Eldona ordo : du monate □Poŝta adreso :
P . O . Kesto : 17765-184, Tehran-17, Irano

**Irana Esperantista Junulara Organizo-IREJO**

Landa sekcio de : Tutmonda Esperantista Junulara Organizo-TEJO
Landa filio de : Internacia Scienca Asocio Esperantista -ISAE
UEA kodo : irej-n, FEL kodo : irej-n
Fondita : Julio 1993/Tir 1372
P . O . Kesto : 17765-184 , Tehrano
IREJO Estraranoj :
Ĉefgvidanto : M . Reza Torabi (Planado, Eksteraj Rilatoj, Informado), p/a : IREJO
Vicgvidanto : Ábdollah Hákimneĵad (Instruada Rondo, Universitataj Rilatoj), p/a : IREJO
Ĝenerala Sekretario, Kasisto : Ábbas Bagetsani (Komputila Rondo), P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : +98 21 6612445
Sekretario : Ĝámŝid Áhmádi (Scienca Rondo), Khabgah 27, n-o : 10, kh 30, YousefAbad, Tehran-14319

### *Periodaĵoj Ricevitaj*

-Koncize(du monate komuna bulteno de la esperantistaj junularaj asocioj en 8 Eŭropaj landoj) n-ro 2(115)1995,Germanio
-GEJ-Gazeto (Germana Esperanto-Junularo) 2/95.
-La Dua Jarcento de Espertanto (organo de Internacia Esperanto-Muzeo) n-ro : 1/1995 (Aŭstrio).
-tejo tutmonde (organo de TEJO) n-ro 2/68,1995 (Pollando).

## Saluton!

*ĉiufoje kiam ni aûdis pri novaj geesperantistoj,*
*ĉiufoje kiam ni havas novaĵojn pri elizoligi izolitaj geesperantistoj kaj ilia aktivado pri E-o movado especiale en nia lando,*
*ĉiufoje kiam gesamideanoj sincere kaj afable interrilatas kun ni,*
*ĉiufoje kiam plaĉaj novaĵoj ni aûdis pri progreso de esperanto en nia urbo, lando aû aliaj landoj,*
*ĉiufoje kiam el ĉirkaûaĵoj de nia lando membroj proklamas sian preparon pro helpi progreso de E-o movado,*
*kaj ĉiufoje kiam Esperantistaj geamikoj korespondas kun ni por speguli sian ideon kaj proponon pri ĉi-tiu bulteno,*
***nia emocio pli altiĝas***
***nia entuziasmo pli multiĝas***
***nia varmeco duobliĝas***
***nia motivo aldoniĝas***
***por aktivi kaj mondigi Esperanton.***

Ni ĉiufoje klopodas novan numeron de bulteno (kio estas angulo de nia aktivado pri E-o movado) estu pli fruktodona ol antaûa numero, kaj rezulto de bultenoj ĝis nun estas tiel kiel ni povas, ne tiel kiel ni volas.

Bedaûrinde okazas eraroj en la bultenoj, ekzemple en la antaûa numero ni havis kelkajn pres-erarojn, ĉitiel ni pardonpetas.

Samideane salutas.

**F . N . Máĝd**

## *ENHAVO :*

Saluton! ---------- 3
Monda kunagado ---------- 4
Bildvortaro ---------- 7
Konkurso ---------- 8
Okaze de la forpaso de Imamo Ĥomejni ---------- 9
Novaĵoj ---------- lasta paĝo

## Internacia Unesko-asocio

La ĉefa celo de Monda kunagado estas kontribui al la paco kaj internacia kompreno en mondo, kie ambaû tro ofte mankas.

Por sia konkreta agado ĝi ĉerpas inspiron el la ekzemplo de Unesko, la Organizo de Unuiĝintaj Nacioj por Edukado, Scienco kaj kulturo.

Fakte Monda kunagado komprenas sin kiel internacia Unesko-asocio por esperantistoj.

Monda kunagado informas , diskutigas kaj aktivigas siajn membrojn pri gravaj kaj aktualaj demandoj , ekzemple pri interetna toleremo, mediprotektado, la estonteco de malgrandaj lingvoj kaj kulturoj, "daûripova"kaj "kultura"evoluigo , ktp. Laûeble ĝi stimulas kunlaboron inter esperantistaj kaj neesperantistaj organizaĵoj pri tiuj temoj.

## Tutmonda reto de aktivuloj

Unu jaro post sia fondo kadre de la 76-a Universala kongreso de Esperanto en Bergen, Norvegio , Monda kunagado havas 250 anojn en pli ol 40 landoj. Ili estas instruistoj, natursciencistoj , artistoj, psikologoj , kontistoj , terkulturistoj , etnologoj , komputistoj , verkistoj...

Ili okupiĝas pri sporto , socia helpo , ekologio, internaciaj interŝanĝoj , filozofio , biciklado...

Kaj tre ofte ili aktivas en aliaj movadoj aû organizaĵoj krom tiu por Esperanto.

Monda kunagado ekzistas por interligi tiajn aktivulojn , kiuj ekzistas multnombre en la Esperanta komunumo. Ilin kunigas komuna kredo: ke per edukado, scienco kaj kulturo eblas konstrui pli bonan mondon , kaj ke en tiu konstruado Esperanto ludos gravan rolon.

## Kadro por kunlaboro

Jen kelkaj ekzemploj de tio , kion Monda kunagado jam faris aû nun faras:

* En la projekto "vivprotokoloj", ĝiaj membroj kreas skizojn pri la vivo de ordinaraj homoj en diversaj landoj tra la mondo , uzante Esperanton kiel komuna lingvo de intervjuado kaj rakontado
* Okaze de la "Pintkunsido pri la Tero"en Rio de Janeiro en 1992 , Monda kunagado laŭeble apogis la informan laboron de Brazilaj esperantistoj, kaj nun kunlaboras kun ili pri la sekvoj de la konferenco
* Kadre de la Tago de la paco en la 77a UK en Vieno, Monda kunagado organizis "foiron de la paco"por ebligi la konatiĝon kaj interŝanĝon de ideoj kaj informoj inter deko da organizaĵoj
* En oktobro 1992 Monda kunagado kunaŭspiciis seminarion en kungalv , Svedio , pri la minoritataj lingvoj kaj popoloj de la nordeŭropaj landoj
* Monda kunagado konstante strebas diskonigi kaj popularigi Esperanto-projektojn lige kun Unesko , kiel seminario pri internaciaj familioj en 1994 , la Centro Zamenhof en Bjalistoko , alfabetiga projekto de TEJO en Togolando, ktp.

Ĉio ĉi estas nur komenco , ĉar la Esperanto- komunumo konstante naskas novajn ideojn kaj agadojn sur tiuj ĉi kampoj. Provizante vastan kadron por kunlaboro, Monda kunagado celas helpi realigi ilin kaj stimuli ankoraŭ pli da similaj iniciatoj.

## Kvin kialoj por esti membro

***1.Intereso.*** Simile al aliaj Unesko-asocioj, Monda kunagado tegmentas grandan diversecon de temoj kaj agadoj. Ankaŭ ĝia revuo , Monda Forumo , spegulas tiun diversecon. Per membreco vi do restas informata pri multaj aktualaj demandoj kaj ricevas instigon al propra esplorado.

***2.Aktiviĝo.*** Por multaj esperantistoj , Esperanto en si mem ne estas sufiĉa celo. Necesas ĝin uzi por io alia-ĉu por klerigi sin , ĉu por trovi amikojn, ĉu por kontribui al aliaj flankoj de la vivo. Monda kunagado estas plia rimedo por doni al sia esperantisteco sencon kaj direkton en internacia kunteksto.

***3.Kunagado.*** Se vi mem havas aparte karan temon , projekton aŭ agadkampon , kiu situas sur la terenoj de edukado , scienco aŭ kulturo,

# Informe

Monda kunagado povas provizi kadron por ĝia diskonigo kaj la varbado de kunlaborantoj.

**4.Ekstera agado.** Se vi deziras paroli kun aktivuloj en diversaj idealistaj movadoj , tre helpas se vi konas la terenon kaj povas rakonti pri propraj spertoj kaj klopodoj.

Monda kunagado provizas idealan kadron por tia perado inter la Esperanta kaj ne-Esperanta komunumoj , speciale kun la vasta reto de Unesko-kluboj , asocioj , oficejoj kaj komisionoj tra la mondo.

**5.Subteno.** Eventuale vi mem ne havas tempon aŭ praktikan eblecon por aktivi en Monda kunagado , sed vi trovas , ke ĝiaj celoj kaj principoj kongruas kun la viaj. Via membreco plifortigas la asocion kaj helpas al ĝia evoluigo.

*Ĉu vi volas aliĝi?*

***Jen kion fari ...***

La baza kotizo de Monda kunagado estas 30 Nederlandaj guldenoj por 12-monata periodo.

Estas du simplaj manieroj pagi tion:

*En via landa valuto al oficiala peranto de Monda kunagado , aŭ

*Per internacia transpagilo aŭ UEA-ĝirilo al la UEA-konto de Monda kunagado , mofo-l.

Detaloj pri la konto-sistemo kaj transpag-eblecoj troviĝas en la UEA-Jarlibro.

En landoj , kie la pli multaj homoj ne povas pagi tian kotizon , Monda kunagado starigas sistemon de landaj kotizoj. Petu detalojn de via peranto aŭ de la centra adreso de Monda kunagado (vd.sube).

Monda kunagado krome invitas tiujn el siaj membroj , kiuj disponas pri la necesa mono, pagi duoblan kotizon por subvencii la aliĝon de homoj el malpli riĉaj landoj. Proksimume kvarono de nia pagipova membraro aliĝas al tiu bela kaj praktika esprimo de solidareco.

Se vi bezonas ankoraŭ pli da informoj, kontaktu vian peranton aŭ petu aliĝilon kaj provnumeron de " Monda Forumo " de la konstanta adreso :

**Monda kunagado, B.P. 3019, F-693394 LYON Cedex 03, Francio**

## Bildvortaro




## KORELATIVOJ

1. KIO ?
2. TIO = LA ŜLOSILO
3. KIU ?
4. TIU = LA KNABINO
5. KIA ?
6. TIA = ALTA
7. KIES ?
8. TIES = DE ĈI TIU JUNULO
9. KIE ?
10. TIE = EN LA SAKO
11. KIAM ?
12. TIAM = VENDREDE, LA 14-AN DE JULIO
13. KIOM ?
14. TIOM = IOMETE
15. KIEL ?
16. TIEL = LERTE
17. KIAL ?
18. TIAL = PRO EBRIECO = ĈAR LI ESTIS EBRIA

a. FORKO
b. KOMBILO
c. ŜLOSILO
ĉ. PAPER-PREMILO = PAPER-KLIPO
d. KNABO
e. KNABINO
f. ALTA
g. DIKA
ĝ. KEPO
h. TIR-KESTO
ĥ. SAKO
i. SKATOLO
j. KALENDARO
ĵ. DATO
k. KUKO KOVRITA PER KREMO
l. ATLETO SALTANTA
m. BARO
n. LUM-FOSTO
o. FRAKASITA AŬTOMOBILO
p. EBRIULO
r. ALKOHOLAĴO = DRINKAĴO

## Konkurso

Ekde tiu-ĉi numero aperiĝas lingvo konkurso por la interesataj membroj de IREJO. Ekzamenu vin mem kaj sendu la respondojn al la redakcio , premio atendos la elektitan ĝustan respondon.

### *konkurso por IREJO membroj 1a*

*A-Kiu demanda vorto mankas?*

1- Mi ne trovas la libron. ............ ĝi povas esti?

2- Mi trovis libron. ............ libro estas ĝi?

*B- Kio estas nevo? klarigu Esperante.*

*C- Kiel oni finas leteron? skribu kvar formojn.*

*Ĉ- Kompletigu la demandojn kaj frazojn!*

1- Ki..... lakt..... vi aĉetis?

2- La knabino, ............ falis, diras, ............ la vundo ne doloras.

3- Báhram iras ............ kinejo sia amiko ............ aûtobuso.

*D- Kion vi diras al persono, kies demandon vi ne komprenas ?*

*E- Kion vi bondeziras al via amiko okaze de Naûruzo?*

La solvojn sendu ĝis la 20an de Tir-monato al la konstanta asocia adreso, indikante sur la koverto "konkurso-1a"

### Poemeto de A. Hákimnejad

*Sesa vespere*

*Estas sesa vespere*
*Mi jam faris ĝin vinbere*

*Ĉio en marto verdiĝas*
*La naturo revigliĝas*

*Sen sezona estas amo*
*Nur espero kaj homamo*

*Mi esperas ke ĝi faru*
*Fino! permeson min donu*

***Okaze de la 14an de Ĥordad , la 6a datreveno de la forpaso de Imamo Ĥomejni***

## Imamo Ĥomejni , lumo en obskureco

Je la nomo de Dio.

Imamo Ĥomejni-(1) la fondinto de "Islama respubliko de Irano"- estas fama nomo en tuta mondo, speciale ĉe Islamanoj.

Li naskiĝis date la 1an de mehr 1281(2) en la urbo "Ĥomejn", Ĥomejn situas en la "centra provinco". la naskiĝtago de Imamo Ĥomojni koincidis kun la datreveno de naskiĝtago de "Házrát fatemeh záhra"(3).

La patro de Imamo Ĥomejni "sejjed Mostáfa Musávi"estis "Islama teologo". Tiam , kiam Imamo Ĥomejni estis nur 5 monata infano, lia patro "Mostáfa"martiriĝis.

Imamo Ĥomejni lernadis Elementan studadon en sia urbo Ĥomejn. Post la Elementa studado , kiam Imamo Ĥomejni estis 14 jara junulo , li veturis al la urbo "Árak"(4), En la urbo Árak li daŭrigis sian studadon en la "Religia scienco". En la jaro 1300(5) , S-ro "Ajátollah Haeri"(6), en la urbo "Gom"(7) fondis "la Granda religia lernejo"n. Imamo Ĥomejni veturis al la urbo "Gom" post la fondiĝo de "la Granda religia lernejo". En la urbo "Gom" li daŭrigis sian studadon pri la Islamaj sciencoj.

En la jaro 1308(8), Imamo Ĥomejni edziĝis. lia unua infano nome "Mostáfa", Martiriĝis dum la Islama revolucio.

Imamo Ĥomejni ne nur estis granda Islama scienculo kaj muftio, sed ankaŭ granda revoluciulo.

En iu tempo en Irano regis "Reĝa reĝimo". La reĝo de Irano nome "Páhlávi"estis diktatora reĝo. Li estis diboĉema reĝo kaj tre kruela , la "Reĝa reĝimo"ne nur ne respektis al Islamo, sed ankaŭ estis malamiko de Islamo kaj Islamanoj. Tial la Islama popolaro de Irano gvide de Imamo Ĥomejni ribelis kontraŭ la antiIslama kaj diktatora reĝreĝimo.

Tago post tago, la manifestacioj kaj la strikoj pli grandiĝis ol antaŭaj tagoj. La reĝimo ekzilis la Imamon al Irako kaj poste al Francio , sed li ne lasis for la bataladon kontraŭ la diktatoro, kaj gvidis la revolucion en ekzilejo. Fine la Islama revolucio venkiĝis kaj la reĝa

reĝimo renversiĝis. La 26 an de Dejo 1357[9] la reĝo forkuris al Egiptujo, kaj Imamo Ĥomejni post 15 jara ekzilo revenis al Irano en la dato 12an de Báhmán 1357[10]. Dek tagojn post la reveno de la Imamo al Irano, t.e. la 22an de Báhmán[11] la Islama revolucio tute venkiĝis kaj la reĝa reĝimo tute renversiĝis. Tial la 22an de Báhmán estas la venkiĝtago en Irano kaj ĉiu jare oni festas tiun tagon. Ankaŭ la intertempo de 12an ĝis 22an de Báhmán nomiĝas "la tagdeko de aŭroro". Post la renversiĝo de la reĝa reĝimo , fondiĝis en Irano "Islama respubliko" kaj Imamo Ĥomejni elektiĝis kiel la estro de "Islama respubliko de Irano".

sed .... post kelkaj tagoj malsane enlitiĝo, date la 14an de Ĥordad 1368[12] Imamo Ĥomejni ĉieleniris kaj migris al la Dio. La Islama mondo kaj Irano tute funebriĝis , ĉar ili perdis grandan ŝijaistan[13] muftion kaj erudita estro. En lia funebra ceremonio partoprenis milionoj da homoj. Nun lia maŭzoleo en Tehrano[14] estas la sanktejo de la amantoj de la Imamo kaj Islamo.

Imamo Ĥomejni ĉieleniris , sed lia memoraĵo-t.e. Islama respubliko de Irano-ĉiam eternos.

Imamo Ĥomejni havas multajn mistikajn poemojn. Lia Dia polotika testamento plenplenas de mistikaj enhavoj. Krom mistikaj poemoj kaj Dia polotika testamento , el la Imamo restas kelkaj aliaj verkoj.

Ekzemple la libroj de "la komentario de la surao Hámd"(15) , "la sekreto de la preĝo", "la mesaĝo de la revolucio", "plejgranda sankta milito", "la temo de juĝado", "komentario pri la preĝo de frumateno", "la eltrovo de la sekretoj", "teologa kuratoreco". ktp.

La pensoj de "sinjoro Ajátollah Ruhollah musávi Ĥomejni" tute estis Islamaj. Li forte subtenis malriĉulojn kaj subprematojn. Li tre penis por revivigi la veran Islamon kaj unuecigi tutajn musalmananojn en tuta mondo. Imamo Ĥomejni vivis tre simple. Li loĝis en mal granda kaj simpla domo. sed la reĝoj loĝas en grandaj domegoj.

Post la ĉieleniro de Imamo Ĥomejni , oni elektis "Ajátollah Ĥamenei" kiel lia postulo kaj la estro de "Islama respubliko de Irano". Nun la estroj de Irano kaj la popoloj de la lando , sekvas la vojon de Imamo Ĥomejni.

*"La klarigoj"*

1- La kompleta nomo de Imamo Ĥomejni estas "Ajátollah Ruhollah musávi Ĥomejni " kaj "Imamo" estas titolo por Islamaj regantoj.
2- La 23 an de septembro 1902 p.k.
3- Ŝi estis la filino de s-ro mohámmád (B.d.) la profeto de Islamo.
4- "Árak"estas la centro de "centra provinco".
5- La jaro 1921 p.k.
6- Ajátollah estas titolo por plej grandaj Islamaj teologoj.
7- Ĝi estas sankta urbo en la provinco Tehrano.
8- La jaro 1921 p.k.
9- La 16an de januaro 1978.
10- La 1an de februaro 1978.
11- La 12an de februaro 1978.
12- La 4an de Junio 1989.
13- En Islamo ekzistas kelkaj religibranĉoj , unu el ili estas ŝijaismo.
14- La ĉefurbo de Irano.
15- La Nobla korano- la sankta libro de Islamanoj- havas 114 suraojn , unua nomas Hámd.

### *Printempa Kunveno en Tehrano*

25 Tehranaj geesperantistoj la 14an de ordibeheŝt (4an de majo) kunvenis en la IREJO sidejo.

Dudek el la partoperenantoj por unua foje vizitis la sidejon kaj ili proksime konatiĝis kun la IREJO aktivuloj. Inter la partoperenantoj S-ro Golam Reza Azár-Huŝáng kaj lia edzino S-ino Kárimi rimarkindas. Oni en la kunsido diskutis pri la bezoneco de propra biblioteko kaj decidis fondi la IREJO bibliotekon kaj S-ro Azár-Huŝáng promesis elsubteni la aferon.

## Vojaĝo al Sábálan

Se vin interesas la naturo , precipe la montaro , kaj percipe la pura naturo de sábálan-la plej alta monto en Azárbajĝanprovinco-estu nia samvojaĝano.

Oni praktikos Esperanton dum la 5 taga montgrimpado ĉe la Sábálan-naturo. La vojaĝo komenciĝos ekde 5 an de Ámordad (27an de Julio 1995) kaj-estos daŭrota ĝis 10an de Ámordad (1an de aŭgusto 1995). la detalaj informoj kaj la aliĝilo ĉe Ábbas Bagestani. Tel : 021 6612445 .

## 4 Sezonoj
## Hajko en 4 lingvoj

S-ino Márjám Nezami antaŭ kelkaj monatoj aperigis sian unuan libron pri Hajko. La libro estas en 4 lingve : Japano , Perso , Anglo kaj Esperanto. Interesantoj mendu ĝin al Átai eldonejo kiu estas la nura distribuanto. La prezo nune! 4000 Rialoj, Poste Dio scias!?

## Elektado en IREJO

Post du jaroj de tiam ke la asocio establiĝis tiel ŝajnas ke jam la tempo maturiĝis por ke oni elektu al la asocio komitatanojn kaj estraranojn.
La fondintaj membroj de IREJO dum la pasintaj du jaroj gvidis la asocion kaj nun la membraro mem devas elekti aktivulojn al la asocio. Ĉiuj aktivaj membroj kies aĝoj estas malpli ol 30 jaroj povas sin kandidati por la komitato aŭ la estraro. la detalj informaj aldone de ĉi-tiu bulteno estas sendita al ĉiuj membroj en la persa lingvo.